

# La Amsterdama Katedro

## Informilo pri agadoj rekte ligitaj al la katedro pri Interlingvistiko kaj Esperanto ĉe la Universitato de Amsterdamo.

Kompilas: Wim Jansen (WJ)
Aperas: komence de ĉiu kvaronjaro
Kiel: PDF-dosiero alkroĉita al retcirkulero
Reagu al: wimjansen@casema.nl

Numero (9) 1/2010, januaro 2010

*La Amsterdama Katedro* estas kvaronjara retbulteno, kiu informas pri ĉiuj agadoj, rekte ligitaj al la speciala katedro pri Interlingvistiko kaj Esperanto ĉe la Universitato de Amsterdamo (UvA). Por la estraroj de Internacia Esperanto-Instituto (IEI) kaj de la LA de UEA *Esperanto Nederland* ĝi estas kvazaŭ perioda raporto pri la stato de institucio, kiun ili kune financas. La bulteno direktas sin al ĉiuj interesitoj en la Esperanto-movado, kiuj trovu en la enhavo stimulon por diskonigi la ekziston kaj la rolon de la katedro, kaj ideojn por sia propra informado pri Esperanto. Ĉi tiu dokumento estis aktualigita la 10an de januaro 2010 kompare kun la versio de la 12a de oktobro 2009.

### La ĉefaj projektoj

**Instr-I** La 15an de decembro okazis la konkluda ekzameno, per kiu finiĝis la unua-semestra kurso pri interlingvistiko, komenciĝinta la 1an de septembro 2009 kun 15 studentoj. La fina noto konsistas el kvar kontribuoj: po du skribaj ekzamenoj pri la aktualigita kurslibro (T1 kaj T2), unu traduktasko (W) surbaze de la kono de Esperanto atingita per Cseh-metoda provleciono kaj familiariĝo kun *Poŝamiko* kaj unu prezentado de memstare plenumita esploreto (P) pri iu interlingvistika aŭ Esperanta temo. Jen la listo de la kursfinintoj, kiuj akiris 10 ECTS-poentojn per sia sukcesa ekzameniĝo:

| | Nomo | Studo | Esplortemo | T1 | T2 | W | P | Meza noto | Fina noto |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | Bakker, Willem | Angla | Esp-aj neologismoj | 7,0 | 5,5 | 7,0 | 7,0 | 6,6 | 6,6 |
| 2 | Frederiks, Gwenda | Lingvistiko | Funkcio de la akuzativo en Esp-o | 8,3 | 9,0 | 10,0 | 9,0 | 9,1 | 9,1 |
| 3 | Kohistani, Zara | Angla | Basic English | 7,8 | 5,5 | 9,0 | 8,0 | 7,6 | 7,6 |
| 4 | Koman, Lisa | Angla | Esp-a traduko de angla poemo | 5,8 | 9,0 | 10,0 | 8,0 | 8,2 | 8,4 |
| 5 | Kruijff, Sarah | Nederlanda Gestolingvo | Esp-o kaj la Juda Afero | 8,0 | 8,5 | 10,0 | 8,0 | 8,6 | 8,6 |
| 6 | Langeveld, Evelien | Angla | Trakto de Esp-o en lingvistiko | 5,3 | 7,0 | 9,0 | 7,0 | 7,1 | 7,3 |
| 7 | Lauriks, Sanne | Lingvo kaj Komunikado | Tipologio Ido | 10,0 | 9,3 | 9,0 | 8,0 | 9,1 | 9,1 |
| 8 | Okhuijsen, Guido | Angla | Analizo Vaz Dias 1896 | 8,3 | 8,0 | 9,5 | 9,0 | 8,7 | 8,7 |
| 9 | Promes, Santucia | Angla | Esp-aj proverboj | 7,5 | 9,0 | 6,5 | 9,0 | 8,0 | 8,0 |
| 10 | Schuttenhelm, Lisan | Lingvistiko | Fonologio Volapuka | 8,5 | 8,5 | 10,0 | 8,0 | 8,8 | 8,8 |
| 11 | Selbach, Tim | Germana | Interskandinavia planlingvo | 8,0 | 5,5 | 7,0 | 7,0 | 6,9 | 7,1 |
| 12 | Starmans, Nanny | Novgreka | Tipologio Volapuka | 8,8 | 8,5 | 10,0 | 8,0 | 8,8 | 8,8 |
| 13 | Venema, Marloes | Angla | La nombro en Esp-o | 8,3 | 7,0 | 7,0 | 8,0 | 7,6 | 7,6 |
| 14 | Wijk, Marlotte | Angla | Esp-a traduko de angla poemo | 6,5 | 9,3 | 7,5 | 8,0 | 7,8 | 7,8 |
| 15 | Wijngaards, Lotte | Lingvo kaj Komunikado | Cseh-metodo, vizito al IEI | 7,0 | 6,5 | 9,0 | 8,0 | 7,6 | 7,6 |

**Instr-E** La duasemestra Esperanto-kurso komenciĝos la 2an de februaro 2010. La (bakalaŭra) kurso estas proklamita en http://studiegids.uva.nl/web/sgs/nl/c/7731.html. En la momento de redaktado de tiu ĉi bulteno registriĝis 19 studentoj. La lekcioj okazos ĉiun mardon inter la 11a kaj 14a horo en la salono C3.05 de Oudemanhuispoort.
La Esperanto-kurso estas reklamata ankaŭ en la luksa broŝuro de la t.n. *Illustere School*, la pagenda kursaro proponata de la Humanisma Fakultato al la ĝenerala publiko. Vidu la kopion de paĝo 50 el la broŝuro, kiu estas aldonita ĉe le fino de tiu ĉi bulteno. La supra duono de la paĝo priskribas la Esperanto-kurson.

**NTU-E** Pro aliaj taskoj haltis dum kelka tempo la projekto pri elnederlandaj pruntaĵoj, kiuj ekzistas neologisme aŭ prunttraduke en Esperanto. Restas finkontrolendaj la angla kaj rusa vortlistoj de nederlandaĵoj kiel eventualaj fontoj de 'duamanaj' nederlandaĵoj en Esperanto. Poste estos esplorata la kampo de eventualaj rektaj transprenoj de Esperanto el la nederlanda. La laboro, kiu plenumiĝas parte hejme parte en la biblioteko de IEI, rekomenciĝos ĉirkaŭ la 20a de januaro 2010.

**Daŭre atentindaj**

- De kiam la kolekto de la universitata biblioteko pri interlingvistiko, esperantologio kaj interlingvistiko estis detale kaj elektronike katalogita, la perreta aliro al la kolekto estas rapidigita kaj simpligita. Navigu unue al: http://cf.uba.uva.nl/nl/. De tiu bonveniga paĝo jam eblas alklaki 'UvA catalogus' kaj serĉi libron, uzante la eblojn de la prezentata serĉ-roboto. Alternative, oni povas alklaki 'Geavanceerd zoeken' kaj de tie apliki diversajn filtrilojn, inter kiuj vi povas elekti la lingvon 'Esperanto'. La paĝaro disponeblas ankaŭ kun instrukcioj en la angla lingvo.
  Pliaj fajnigoj estas atendataj laŭ promeso de la responsuloj de la kolekto okaze de la ceremonia transdono (la 15an de decembro) de valoraj pliampleksigoj de la kolekto, kiu konsistas grandparte el la libraro de la Landa Asocio de UEA, kiun UvA stokas kaj mastrumas por ĝi.

**Aktualaĵoj**

- La 10an de oktobro WJ laborigis la publikon de la Faulhaber-Konferenctago, organizita de Esperanto Nederland, kaj submetis ĝin al kelkaj taskoj el sia ampleksa enketo pri la vortordo en Esperanto, uzita antaŭe en Roterdamo, Antverpeno, Lille kaj Eindhoven. La rezultoj aperis en tutpaĝa artikolo en Fen-X 2010/1, paĝo 9.

- La 19an de novembro WJ tenis la t.n. Buchanan-prelegon en la Universitato de Liverpolo. La prelego konsistis el koncizigita kaj iom adaptita anglalingva versio de la Amsterdama festparolado de la 4a de septembro. Pri la eventuala publikigo de la anglalingva teksto kaj ĝia Esperanta traduko decidos la britaj invitintoj, t.e. la Universitato de Liverpolo kaj EAB.

- La 13an de decembro WJ prelegis pri la 'zamenhofeco' de la *Lingvaj Respondoj* okaze de la Zamenhofa kunveno organizita de la amsterdamaj esperantistoj. La gvidlinioj de la prelego estis: 1) rekono kaj ĝustigo de eraroj faritaj de Zamenhof mem; 2) konsiloj surbaze de la uzo kaj kutimoj; 3) kuriozaĵoj; 4) eraroj ne korektitaj, sed enkondukitaj de Zamenhof; 4) nezamenhofaj strangaĵoj en la lasta eldono de *Lingvaj Respondoj*.

- La konata franca esperantisto Marc Bavant, inĝeniero kaj diplomito pri interlingvistiko ĉe la Universitato de Poznań, estas akceptita de UvA por ekprepari doktorigan disertacion pri ĝenerallingvistika temo sub la gvidado de prof-o Kees Hengeveld, kuratoro de nia katedro. Pro la deveno de Marc Bavant el la esperantlingva postmagistra kurso en Poznań kaj pro la karaktero de lia doktoriga esploro (en kiu centre rolos la fenomeno ergativo, kiu estas esenca en la eŭska lingvo), WJ membros en la doktoriga komisiono.

- La magistra studentino Rosa Gunsing, kiu en sia bakalaŭra fazo ekzameniĝis tiel pri interlingvistiko, kiel pri Esperanto, verkas eseon pri detalo el la Esperanto-gramatiko (la artikolo) laŭ la vidpunkto de la genera gramatiko. Pri la Esperanta aspekto mentoras ŝin WJ.

**Publikigoj**

- 'Baskisch und Esperanto: ein Strukturvergleich' en: Sabine Fiedler (red.) *Esperanto und andere Sprachen im Vergleich*: p. 33-54. Berlino. 2009. GIL.

- 'La Fundamenta Esperanto: nekontesteble eŭropa, sed...' en: Detlev Blanke kaj Ulrich Lins (red.) *La arto labori kune. Festlibro por Humphrey Tonkin*: p. 271-284. Roterdamo. 2010. Universala Esperanto-Asocio.

**Recenzoj**

Pri la nederlandlingva disertacio *Woordvolgorde in het Esperanto* (La vortordo en Esperanto) aperis recenzo en *Language Problems and Language Planning* 33:1 (2009), p. 81-86.

Pri la verko *Naturaj vortordoj en Esperanto* aperis recenzo en *Esperanto* 1231 (12), p. 256.

**Aldone**

Samtempe kun la katedra kurso pri interlingvistiko finiĝis la kurso 'Lingvoj en kontakto, lingvoj en konflikto', pri kiu WJ responsis eksterkatedre (temaro: historiaj kaj nuntempaj karakterizaĵoj de la unuecigo de la eŭskaj dialektoj kiel aspektoj de lingvoplanado; lingvoplanado kaj lingvopolitiko kun speciala atento al Eŭropo; aspektoj de lingvo kaj potenco: la eŭska inter la franca kaj hispana, kaj la nederlanda apud la angla; leksikaj sekvoj de interlingvaj kontaktoj kun speciala atento al la nederlanda kiel prunteprenanta kaj pruntedonanta lingvo).
Kvankam estas neniu formala rilato inter nia katedro kaj tiu ĉi aparta kurso, la favora interinfluo klare montriĝas: tri studentoj reaperos en la kurso pri Esperanto!

WJansen

Wim Jansen,
la 10an de januaro 2010

# Esperanto

## Hoor- / werkcollege

Rooster 1 februari t/m 19 maart en 29 maart t/m 21 mei 2010, aaneengesloten 2 uur hoor- en 1 uur werkcollege
Prijs € 225,- / AUV-leden € 202,50

Het Esperanto is de enige kunsttaal met een mondiaal actieve sprekersgemeenschap en is de taal waarin 60% van alle vakliteratuur over het fenomeen kunsttalen geschreven is. De deelnemer maakt zich de fonologie van de taal eigen en bouwt een elementaire woordenschat op. In het bijzonder wordt de deelnemer vertrouwd gemaakt met de agglutinerende morfologie van de taal en met de onbeperkt productieve inzetbaarheid van alle lexicale en grammaticale morfemen voor de vorming van woorden.

Het doel van deze collegereeks is door middel van een volledige grammaticabeschrijving en de opbouw van een basiswoordenschat de deelnemer aan het eind van de collegereeks in staat te stellen zich mondeling uit te drukken, alle niet-specialistische teksten moeiteloos te lezen en zich geheel zelfstandig in te werken in meer gecompliceerde teksten. Daarnaast beoogt de reeks de deelnemer inzicht te verschaffen in de wijze waarop complexiteiten en redundanties in taal verspreid kunnen zijn over de morfologie en de syntaxis.

**Studiemateriaal** Onderstaande boeken worden aangeschaft via de docent. Stano Marcek: *Esperanto via de Directe Methode* (Marcek, 2007). 114 pagina's, € 7,50; De Smedt: *Nederlands-Esperanto Woordenboek* (FEL, 2004). 574 pagina's, € 12; Allée, Béatrice en Katalin Kováts: *Posamiko* (EduKati, 2007). 40 pagina's, € 3,50.

**Docent** **prof. dr. ir. W.H. (Wim) Jansen**

# Het lezen van vroegmodern toneel

## Werkcollege

Rooster 1 februari t/m 19 maart en 29 maart t/m 21 mei 2010, 2 uur per week, 4 uur voorbereiding
Prijs € 250,- / AUV-leden € 225,-

In deze collegereeks lezen de deelnemers vroegmoderne toneelstukken in de volkstalen en in het Latijn (in vertaling) vanuit verschillende contextuele, structuralistische, literair-historische en theaterwetenschappelijke benaderingen. Doel van het werkcollege is inzicht krijgen in de verschillende analysemodellen en hun bruikbaarheid voor de analyse van vroegmodern toneel, alsook inzicht in dit type theater. Het is dan ook expliciet de bedoeling dat naast de stukken zelf aandacht wordt gegeven aan opvoeringscondities en visuele bronnen. Kennis van Latijn is niet vereist.

**Docent** **prof. dr. J. (Jan) Bloemendal**